**INTERNACIA JURNALISTO**

JARO IV. SOFIA — BULGARIO
JANUARO — MARTO, 1960, № 1



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# TEĴA KAJ LA INTERNACIA ĴURNALISTA RENKONTIĜO DUM 1960 JARO

*Laŭ iniciato de la Internacia Komitato por ĵurnalista kunlaborado, dum septembro aŭ oktobro 1960 okazos la Dua universala ĵurnalisia renkontiĝo. La Unua renkontiĝo okazis en Helsinki, Finnlando, en 1956 j. Oficiale nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio ne patroprenis la Unuan renkontiĝon, malgraŭ ke en Helsinki ĉeestis ankaŭ kelkaj ĵurnalistoj-esperantistoj. Tiam TEĴA apenaŭ estis restarigita kaj ne sukcesis sendi siajn reprezentantojn.*

*La alvoko de la Internacia Komitato por ĵurnalista kunlaborado por la Dua universala renkontiĝo de ĵurnalistoj — reprezentantoj de ĉiuj internaciaj kaj naciaj ĵurnalistaj unuiĝoj provokis grandan intereson inter ĉiuj ĵurnalistaj organizaĵoj kaj medioj en la tuta mondo, senescepte de iliaj politikaj konvinkoj kaj interesoj. La renkontiĝon partoprenos ankaŭ la du plej grandaj tutmondaj ĵurnalistaj organizaĵoj: la Internacia Ĵurnalista Federacio kaj la Internacia Ĵurnalista Organizaĵo (Praha).*

*Havante la sperton de la Unua renkontiĝo en Helsinki, ĉi jare la ĵurnalistoj de la tuta mondo kunsidos ĉirkaŭ la ronda tablo por pridiskuti diversajn profesiajn taskojn kaj entreprenojn, ŝanĝi opiniojn pri sia estonta kunlaborado, solvi diversajn ĵurnalistajn problemojn. Tie ili interkonatiĝos kaj amikiĝos. Dum la kunsidoj ili havos la eblon trovi komunan lingvon (ne Esperanton, kompreneble kaj bedaŭrinde!) por priparoli profesiajn aferojn kaj plifaciligi siajn interrilatojn, por plibonigi la kondiĉojn de sia profesia laboro.*

*Vasta estas la kampo de la ĵurnalista agado, noblaj estas iliaj celoj kaj taskoj. La devo de la tutmonda ĵurnalistaro estas granda — utiligi libere la fontojn de reciproka informado, helpi la disvastigon de la vero trans la limojn, forigi la miskomprenon kaj la mensogon, organizi reciprokan kunlaboradon, gastigadon kaj helpi al la plifaciligo de la internacia kunekzistado de la popoloj, batali por pacaj interrilatoj kaj*

## ĜRAVA REKONO

*La Sekretariato de UNESKO en Parizo komunikis, ke la Plenuma Komitato de tiu ĉi organizaĵo decidis memorigi en 1960 ses grandajn personecojn de la homaro, inter ili L. L. Zamenhof, la aŭtoro de Esperanto. La Ĝenerala Direktoro de UNESKO informis pri la decido ĉiujn registarojn de la ŝtatoj-membroj kaj invitis ilin partopreni la celebradon laŭ konvena maniero.*

*Tiu ĉi historia decido de la supera monda organizaĵo por edukado, scienco kaj kulturo estas la plej elstara rekono iam ajn esprimita al Zamenhof pro la genia verko, kiun li donis al la homaro kaj pro la noblaj ideoj de humanismo, kiujn li ligis al ĝi.*

kestaranta de la Estraro de nia Asocio, sed unu el la estraranoj. Mi proponas, ke gvidanto de la servo fariĝu la sekretario-kasisto. Membroj de la Turisma Servo devas esti la komitatanoj kaj la reprezentantoj de TEĴA en la apartaj landoj, ĉar ili ĉiuj estas la plej respondecaj kaj konvenaj homoj, kiuj prizorgas la aferojn de TEĴA en siaj landoj, konas bone la membraron kaj la kondiĉojn.

2. Ciu membro de TEĴA, deziranta vojaĝi eksterlanden, devas sin turni kun peto al la gvidanto de la fako, t. e. al la sekretario-kasisto, sciigante lin pri siaj intencoj kaj proponoj: kien li deziras vojaĝi, kiacele, por kiom da tagoj, ĉe kiaj restad-kaj monkondiĉoj, ĉu individue, ĉu grupe kun siaj kolegoj aŭ familianoj. La gvidanto de la Turisma Servo siavice povas demandi kaj konsulti la respektivan komitatanon aŭ la reprezentanton de TEĴA en la koncerna lando, informante lin pri la deziro de la membro kaj pri la proponitaj kondiĉoj, ĉu tio eblas ktp. Post la ricevo de la respondo, la gvidanto de la servo informos la T. S.-anojn pri la rezultoj. Post la interkonsento, la komitatano aŭ reprezentanto organizos la restadon de la deziranto.

Jen kiamaniere ni devas, laŭ mia opinio, organizi la strukturon kaj la gvidadon de nia Turisma Servo. Tiel povas funkcii la servo almenaŭ ĝis la sekvanta ĝenerala fakkunveno de TEĴA, okazonta ĉi jare en Bruselo, kie la problemo povas esti redecidita. Pri tiu grava problemo povas diri sian opinion ankaŭ aliaj membroj de TEĴA, post kio la Estraro povus solvi la problemon.

Tatjana Evstratieva
Sofia, Bulgario

## LA INTERNACIA ĴURNALISTA RIPOZDOMO ATENDAS GASTOJN



*La belega neĝblanka internacia ĵurnalista ripozdomo en Varna, apud la bulgara Nigramara bordo, estas preta akcepti gastojn el la tuta mondo.*
*La kolegoj, dezirantaj somerumi en la Ĵurnalista ripozdomo, sin turnu al la Unuiĝo de la bulgaraj ĵurnalistoj — str. Graf Ignatiev 4, Sofia, Bulgario.*

# Niaj kolegoj rakontas...

## FRUKTODONA KUNLABORADO

Ĉiu el niaj gekolegoj konscias la grandan valorecon de varbado de novaj fremdlandaj korespondantoj por sia revuo, gazeto ktp.

Ĉiu nova eksterlanda korespondanto, per siaj korespondaĵoj: informoj, artikoloj, raportaĵoj, fotoj kaj aliaj ĵurnalistaj materialoj, pliriĉigas la enhavon de la eldono, al kiu li kunlaboras. Pro tio la varbado de ĉiu nova fremdlanda kunlaboranto estas vere ĝojiga evento.

Por mi, kiel redaktoro-respondeculo pri la rubriko „El la filma mondo" de la bulgara monata filmrevuo „Filmovi novini", („Filmaj novaĵoj") estas ege grava tasko plivastigi la reton de fremdaj kunlaborantoj, por ke mi ricevadu de ili pliajn interesajn korespondaĵojn pri la filmproduktado, pri filmaj „steloj" kaj agantoj en diversaj landoj.

Mi devas konfesi, ke ekzistas multe da malfacilaĵoj tiurilate, ĉar neniu el ni interkonsentus akcepti inviton por kunlaborado al nekonata revuo, same kiel pro necertigo de pagado de honorarioj. Nome, tiajn malfacilaĵojn mi renkontis en mia ĉiutaga laboro.

Mi mencias tion por substreki la gravecon de la jena fakto: la plej malfacila problemo, kiu malebligis mian redaktan laboron — la manko de pliaj originalaj fremdaj korespondaĵoj kaj informoj — estis favore solvita pere de nia kara internacia lingvo Esperanto! Jes, tiu estas mirinda kaj ĝojiga fakto!

Paralele kun la revuo „Filmovi novini", antaŭ tri jaroj nia redakcio komencis eldonadi ankaŭ informan bultenon „Bulgara filmo" en ses lingvoj (angla, franca, hispana, rusa, araba kaj Esperanto) por informi la mondon pri la bulgara filmarto.

La redakcio de „Filmovi novini" ricevis plurajn leterojn, en kiuj la legantoj de la esperanta eldono de la bulteno esprimadis sian opinion pri la enhavo kaj sian intereson pri la bulgara filmarto. Interalie niaj korespondantoj rakontas pri siaj okupoj, interesoj kaj profesia laboro.

Tiamaniere mi povis pritaksi, kiuj el tiuj korespondantoj estas taŭgaj kiel kunlaborantoj de nia revuo kaj perletere proponis al ili regulan kunlaboradon. Estas ĝojiga fakto, ke al mia invito bonvole respondis kelkaj eminentaj kinematografistoj el diversaj landoj, kiuj sendis siajn unuajn korespondaĵojn por nia revuo.

Ni jam aperigis ege interesan artikolon de la elstara japana filmaganto s-ro Kojĉi Katoo pri novaj japanaj filmoj kaj pri kreaj planoj de eminentaj japanaj kinematografistoj. La artikolo estis verkita en altnivela Esperanto kaj provokis grandan intereson inter la legantoj de la revuo. Pro nepovo sendi honorarion al s-ro Katoo (pro valutaj malfacilaĵoj) ni rekompencos lin per libroj aŭ aliaj varoj.

Per Esperanto ni ankaŭ varbis kiel korespondantojn la s-anojn Pierre Marchal el Dakar, M. Mac Namara el Novzelando k. a. Varme dankante ilin por ilia ĝentileco kaj afableco, mi profitas la okazon ankoraŭfoje substreki la fakton, ke nur per la helpo de Esperanto mi sukcesis efektivigi la altvaloran kunlaboradon de elstaraj fremdlandaj filmĵurnalistoj kaj filmagantoj por nia revuo.

Ĉiuj, kiuj respondis al mia peto, montris sian afablan bonvolon kaj profundan komprenigon al nia granda bezono starigi kontaktojn kun alilandaj ĵurnalistoj kaj efektivigi ilian kunlaboradon por nia revuo.

Donĉo Hitrov
redaktoro en la filmrevuo
„Filmovi novini", str. Asparuh 61,
Sofia, Bulgario

## KONGRESO DE LA UNUIĜO DE LA BULGARAJ ĴURNALISTOJ

La 11-an kaj la 12-an de marto en Sofio okazis la kongreso de la Unuiĝo de la bulgaraj ĵurnalistoj, unuiganta proksimume 1700 ĵurnalistojn en la lando. La kongreson partoprenis ankaŭ multaj membroj de la ĵurnalista esperantista sekcio kaj de TEĴA. Dum la diskutoj nia TEĴA — membro Haim Levi starigis antaŭ la kongresanoj la demandon pri Esperanto kaj la necesecon utiligi ĝin en la ĵurnalista praktiko.

# INTERNACIA ĴURNALISTA KRONIKO

## ĴURNALISTA VIZITO

Antaŭ nelonge speciala delegitaro de la Internacia Organizaĵo de Ĵurnalistoj (JOĴ) vizitis vicon da landoj en Latina Ameriko. La membroj de la delegitaro konatiĝis kun la laboro kaj la kondiĉoj de la vivo de ĵurnalistoj en Meksikio, Kubo, Venezuelo kaj Brazilo kaj plifortigis siajn amikajn interrilatojn kun la naciaj ĵurnalistaj organizaĵoj de tiuj landoj.

La varmiĝo de la internacia politika atmosfero kontribuis la efektivigon de pluraj utilaj renkontiĝoj kun ĵurnalistoj el diverspolitikaj medioj. Dum tiuj renkontiĝoj la membroj de la delegitaro pli bone kaj pli profunde konatiĝis kun la sperto kaj la tradicioj de siaj gekolegoj el la latino-amerikaj landoj.

## PRESAGENTEJO EN GVINEO

En la ĉefurbo de la Gvinea Respubliko—Konakri, estas fondita presagentejo, gvidata de s-ro Al Ĥaĝ Abdula Tur.

La agentejo eldonas ĉiutagan informan bultenon.

## EN KAMBOĜA FUNKCIAS NACIA RADIOSTACIO

En la komenco de j. k. en Kamboĝa ekfunkciis nacia radiostacio, donacita al Princo Sianuk de la Prezidanto de Ŝtata Administra Konsilantaro de la Ĉina Popola Respubliko Ĝou En-laj.

## INTERNACIA KONFERENCO DE FOTOPUBLICISTOJ

De 2 ĝis 4 aprilo, j. k. en Berlino okazos Internacia Konferenco de fotopublicistoj. Tiu ĉi konferenco provokas grandan intereson inter ĵurnalistoj en pluraj landoj.

La Unuiĝo de germanaj ĵurnalistoj en la Germana Demokrata Respubliko, sub kies protekto okazos la konferenco kaj la ekspozicio, informas, ke ĵurnalistoj el pli ol 30 landoj partorenos tiujn du internaciajn ĵurnalistajn aranĝojn, ekzemple el Belgio, Bulgario, Brazilo, Britujo, Hungario, Vietnamio. Gana, Greklando, Danlando, Hindujo, Islando, Irako, Ĉinio, Madagaskaro, Unuiĝinta Araba Respubliko, Pollando, Sovet-Unio, Finnlando, Francio, Cejlono, Ĉeĥoslovakio, Ĉilio, Aŭstralio, Nederlando, Usono, Federala Germana Respubliko, Svedio, Japanio k. a.

## NACIAJ PREMIOJ POR ĴURNALISTOJ EN MEKSIKIO

La Speciala Komisiono, oficigita de la Asocio de ĵurnalistoj en Meksikio, proponis al la Estraro de la Asocio establigi naciajn ĵurnalistajn premiojn.

Naciajn premiojn ricevis: Manuelo Besera Akosta — el la gazeto „Ekselsior" — por plej altnivela informaĵo; Alberto Domingo—por plej bonaj kronikoj dum la pasinta jaro, aperigitaj en la revuo „Impakto"; Hose Natividad Rosabes el la revuo „Siempre" — por plej bonaj intervjuoj; la gazeto „A. B. C." — por plej bonaj ĉefartikoloj. Estis premiitaj ankaŭ la aŭtoroj de plej aktualaj fotografaĵoj, plej bonaj karikaturoj ktp.

## EN LA ASOCIO DE ĴURNALISTOJ EN SOVETUNIO

Post la fino de la Unua kongreso de sovetaj ĵurnalistoj okazis multnombraj kunvenoj de kunlaborantoj de gazetoj, revuoj, radiostacioj, televido kaj eldonejoj. La delegitoj, partoprenintaj la Kongreson, raportis pri ties laboro kaj pri la rezultoj atingitaj. Ili ankaŭ informis siajn gekolegojn pri la decidoj kaj taskoj, starigitaj de la Kongreso antaŭ la sovetaj ĵurnalistoj. Tiujn kunvenojn partoprenis la plimulto de la anaro de la Asocio, kiu nombras 25 milojn da membroj.

# TRA LA GAZETARO

## LA TERORISTO AŬ LA ĴURNALISTO...

Generalo Masju estis eksigita de sia posteno en Alĝerio pro motivo, ke li donis intervjuon al iu okcidentgermana gazeto, en kiu li kontraŭstaris la politikon de la franca prezidanto generalo de Gol. Antaŭnelonge la edzino de generalo Masju deklaris antaŭ korespondanto de la angla gazeto „Daily Express", ke se ŝia edzo havus ununuran kuglon en sia pistoleto kaj se estus necese elekti por mortpafi unu ĵurnaliston aŭ unu teroriston, li preferus mortigi la ĵurnaliston.

Tuŝante tiun historion, la franca gazeto „Le monde" skribas: „Tre malnova kaj konstanta praktiko estas pedepsi la disaŭdiganton de malbonaj novaĵoj por fermi la buŝon kaj la okulojn, anstataŭ la respondeculon de iu evento antaŭ ol deteni la manon. . . Sed tiu intervjuo starigas ankaŭ alian problemon. Se oni disponas kun ununura kuglo kaj ĝi estos utiligita kontraŭ la ĵurnalisto, kion oni faros kiam prezentiĝos la teroristo. Eble oni petus de li intervjuon".

## GRANDAMPLEKSA GAZETARO

La kristnaskaj eldonoj de la usonaj gazetoj ordinare enhavas multajn anoncojn. La antaŭkristnaska numero de la gazeto „New-Iork Times" de la 6-a de decembro estas presita en rekorda nombro da paĝoj — 608. Tiu numero pezis 2.5 kg. La gazeto „Washington Post" aperis en 328 paĝoj el kiuj 100 paĝoj estis okupitaj de anoncoj pri du grandaj universalaj magazenoj.

* * *

La nombro de artikoloj priesperantaj, aperintaj en la svisa gazetaro en 1959 j. estas 300. Por la svisaj cirkonstancoj oni konsideras tiun rezulton bona.

## RADIO-DISSENDOJ EN LA MONDO

UNESCO *eldonis novan libron* — „La radiodissendoj en la mondo" de Dĵ. Goding, profesoro de la Pensilvania universitato (Usono). Laŭ la aŭtoro, nun en la mondo estas proksimume 9,000 radiostacioj kun 335 milionoj da aŭskultantoj. Sed ĉirkaŭ 60% de la civitanoj sur la terglobo (precipe en Afriko kaj Azio) ankoraŭ ne havas eblecon aŭskulti radion. Proksimume 60% de la radiostacioj kaj 80% de ĉiuj radioaparatoj troviĝas en Eŭropo kaj Norda Ameriko. La radio-stacioj en Norda kaj Suda Ameriko apartenas al privataj kompanioj. En la ceteraj kontinentoj kaj en multaj eŭropaj landoj la radiodissendoj apartenas al la ŝtatoj. En iuj landoj, ekzemple Kanado kaj Aŭstralio, estas utiligataj la ambaŭ sistemoj.

* * *

La itala gazeto „L'Esperanto" informas, ke dum la pasinta jaro la itala gazetaro dediĉis al la internacia lingvo 1176 artikolojn kaj diversajn informojn.

* * *

Laŭ statistiko de „Centro de Esploro kaj Dokumentado" en la pasinta jaro 20 radiostacioj dissendis regulajn programojn en Esperanto. Tre aktivaj estis la stacioj en Romo, Zagreb, Varsovio, Berno kaj Sofia.

* * *

Nia Asocio pagis la jarkotizon por 1960 j. kiel kunlaboranta asocio al la Universala Esperanto-Asocio. La prezidantó de TEĴA donis la anonc-tekston pri nia Asocio por la Jarlibro de UEA — 1960.

ĴURNALISTOJ—ESPERANTISTOJ! MEMBRIĜU AL TEĴA! MEMBRIGU ANKAŬ VIAJN KOLEGOJN-ESPERANTISTOJN!

# Ricevitaj esperantaĵoj

**Poŝtmarkoj de la Ĉina popola respubliko** — tole bindita ilustrita albumo-katalogo de p. m. emisiitaj de la Ĉina poŝto ekde okt. 1949 ĝis la fino de marto 1959, kun interesa historia resumo pri la ĉina poŝto, kies primitiva origino datas de la 7-a jarcento a. N. E.; kompilita de la Ĉina filatelia kompanio. Eldonis Ĉina Esperanto-Ligo en formato 19x26 cm., 88 pĝ. plus 4 folioj da plurkoloraj ilustraĵoj. Prezo: Rb. 6; gld. 4. 25; US dol. 1. 20. Liveras Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. kesto 77, Pekino, Ĉinio.

**Honore al Zamenhof-jaro eldonaaktivado de Ĉina Esperanto-Ligo 1959.** Katalogo pri la esperanto-eldonaĵoj en Ĉinio, 6-paĝa, ilustrita.

**Korespond-amikoj**, n-ro 1, 1959, 16-paĝa broŝuro kun nomoj, adresoj kaj fotoj de japanaj dezirantoj interkorespondi en Esperanto. Eldonita kun sloganoj: „Uni mondo-unu familio, por la paco per Esperanto!" de la Societo de Internaciaj Korespondamikoj, 1432, Kamiŝidami Morijamaŝi, Aiĉiken, Japanio. Kostas 2 rpk., abono al serio de broŝuroj kostas 5 rpk.

(Rim.: Ni mencias nur la esperantaĵojn, ricevitaj en la redakcio de „I. J".).

---

### ESTRARO DE T. E. J. A.

*Prezidanto — Olav Thormodsen, Box 132, **Haugesund,** Norvegio.*

*Vicprezidanto — Niilo Kavenius, Niklaksenkatu 10/14, **Turku** 9, Norvegio.*

*Sekretario-kasisto — Prof. D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, **Cittadella** (Padova), Italio.*

*Helpsekretario — Maria Vogel, Kniebisstrasse 31, **Stuttgart,** Germanio.*

*Redaktoro — Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hristo Botev 98, **Sofia** 2, Bulgario.*

*Membroj: Takaĉ Zeljko, Boŝkoviĉeva 24, **Zagreb,** Jugoslavio, kaj Jerzy Grum, Matejki 16/8, **Wroclaw,** Pollando.*

---

### Alvoko de la redakcio:

„Internacia Ĵurnalisto" atendas la aktivan kunlaboradon de la TEĴA-anoj kaj ricevus kun dankemo ĉiuspecajn materialojn kaj aliajn kontribuaĵojn".

# Anoncetoj

La prezidanto de TEĴA s-ano Thormodsen donis al LoKoKo de la Universala Esperanto-Kongreso en Bruselo anoncon pri la okazonta Generala fakkunveno de nia Asocio j. k. en la kadroj de la Univerlala Kongreso. Ĉiuj membroj de TEĴA estas petataj aliĝi tuj al la Kongreso, prepari siatempe siajn pasportdokumentojn kaj pagi la aliĝkotizon al LoKoKo por pa topreni UK kaj la fakkunvenon.

* * *

La redakcio, de „Internacia Ĵurnalisto" informas la membraron de TEĴA kaj la abonantojn de la organo, ke „Int. Ĵur-sto" aperos regule presita dumonate en 8 paĝoj. La redakcio petas ĉiujn membrojn kaj legantojn de la organo regule kunlaboradi al ĝi per artikoloj, informoj, raportaĵoj, fotoj k. a. La enhavo de la organo fariĝos pli varia, interesa kaj riĉenhava, se la legantaro aktive partoprenus en ĝia aperigado.

* * *

*La membroj de TEĴA, kiuj ankoraŭ ne ricevis la senditajn enketfoliojn pri ilia membreco, bonvolu tuj peti perletere la enketilon de la sekretario—kasisto de nia Asocio—D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadella (Padova), Italio. Post la ricevo de la enketiloj, ili estas petataj respondi al la enketdemandaro kaj resendi ilin tuj al la sekretario-kasisto.*

### KOMITATANOJ DE TEĴA

Danlando — G. N. Jepsen, Skovvangen 17, **Silkeborg.**

Sovet-Unio — N. F. Danovskij, Frunzenskij val 2, kv 12, **Moskva** G-270.

Rumanio — Ştefan Freamât, str. Gabriel Peri 4, **Bucureşti.**

Vietnamio — Dào-anh kha, Nô Quô-tê-nou Bv Viêt-nam, **Hanoi** (via USSR).

Ĉinio — Shi Si-wei, ĵurnalista fako, Pekina Universitato, **Peking.**

### LANDAJ REPREZENTANTOJ DE TEĴA

Hungario — Marton Lajos, Esperanto Burs-utca 2, **Budapest XII.**

Izraelo — Oskar Berman, 6 Shilustrato, **Tel Aviv.**

Svedio — Karen Salmose, Stallgatan 1, **Ysted.**

---

*Redaktoro — Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario.*